**PENSEO**

*N-ro 178*

*aŭg./2006*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski,1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 17-a jaro http://www.elerno.net/penseo/penlisto.htm**

# Renkontiĝo kun E-amikoj en Jingchuan

(2006-08-06)

Guozhu

Anstataŭ al UK en Italio,
mi venis al Gansu unuafoje.
Por renkonti en Jingchuan-gubernio
kun verdkoraj samideanoj ĝoje.

Tianjiagou en la pitoreska monto
nin per naturdotita bel' allogas.
Kaŝiĝas diste de la polva mondo,
vilaoj sub densejaj ombroj lokas.

En lag' vidiĝas fiŝoj tra akvpuro.
Aŭdiĝas kaj cikadoj el salikoj.
Tamen por mi la plej granda plezuro—
babili Esperante kun amikoj.

Ĉion priversis kvazaŭ la poeto
en fama LA MODESTA KABINETO:
*Kio gravas por la monto, ne la alto,*
*Kie loĝas feo, alvenas famo.*
*Kio gravas por la akvo, ne la profundo,*
*Kie loĝas drako, estiĝas mirindeco.*
*Tiu ĉi kabineto, kvankam tre modesta,*
*tamen bonodoras dank' al mia virto.*
*Muskveluro surrampas la ŝtuparon verda;*
*herbfresxo penetras la kurtenon smeralda*

*Kunbabilas ĝisostaj verdkoruloj,*
*ĉeestas neniam sensciaj malkleruloj.*
*Ĉi-tie oni povas verŝi sian koron,*
*aŭ diskuti nian Esp-laboron.*
*Sen krokodilado orelĝena,*
*konversacio fluas en atmosfer' edena.*
*En Esperantujo ni nin revidas.*
*Nian vojon la verda stelo gvidas.*
*Guozhu ĝoje diras:*
*Kio pli inspiras?*



# Operaciado pri Mia Memoro

Yu Yun

Ĉio estis bona en la frua mateno de la Lanterna Festo: softa kaj malseketa aero, klara kaj delikata ĉirpado de birdoj. Mi iris al telefonservo kaj ŝanĝis la telefonnumeron de mia poŝtelefonilo, tiel ke mi decidis ne plu ricevi liajn telefonvokojn.

Kun laca korpo, mi veturis per taksio al la kliniko, kie troviĝis la plej moderna maŝino en la mondo, kiu povis senigi la memoron, kiun vi ne plu konservis.

Al miaj frapetoj sur la pordo respondis maljuna virino kun blankaj haroj kaj sana vizaĝo. Ridetante, ŝi diris, "Jen vi venas! Kuŝu tien." Mi kviete kuŝiĝis. La litkovrilo ne estis pale blanka kiel en hospitalo, sed komforte helruĝa kun delikata aromo. Kiam mi kuŝiĝis, en mian vidon sin prezentis blua ĉielo ekster la fenestro, peco da verda herbejo kaj malklare videbla rojo en malproksimo. Apud la fenestro staris kelkaj baŝoujoj akompanate de basaj galimati-similaj ĉirpadoj de sennomaj birdoj.

Mi laŭdis, "Estas vere komforte ĉi tie."

Legante mian personan informon tra presbiopaj okulvitroj, ŝi diris, "Jes ja. Ni

esperas, ke tiuj homoj, kiuj volas senigi sian memoron, povas pasigi mallongajn kaj neordinarajn kelkajn minutojn en la malstreĉita kaj trankvila medio.” Post paŭzeto, ŝi levis la kapon kaj direktis sian rigardon al mi, “Ĉu vi decidas meti tiun personon en forgeson? Sciu, ke, se vi senigos tiun pecon de rememoro, vi ne plu povos rememorigi ĉiujn tagojn, en kiuj vi estis kun li.”

Ĵetinte mian rigardon senparole al la pejzaĝo en malproksimo, mi senemocie respondis, “Tiel, mi forgesas ĝojon kaj samtempe suferojn. Ju pli da ĝojoj mi estas donita, des pli da pezaj suferoj min vundas. Mi ne povas elteni tiujn suferojn, tiel ke mi volas kovri ilin per ĝojoj.”

Rigardante milde al mi, ŝi malrapide diris, “Do, ni komencu.”

Ŝi konektis kelkajn elektrajn dratojn al mia kapo kaj ŝaltis muzikon tiel leĝeran, ke mi emis endormiĝi. Ŝia voĉo ŝajne alŝvebis el la alia ekstremo de la terglobo, “Ĉu la persono, kiun vi volas forgesi, estas nomata Fu Hong?”

Mi subite trovis, ke mi ne havas eĉ forton por paroli, kaj mia korpo moliĝas kvazaŭ preta fandiĝi. La nomo, kiun ŝi menciis, montriĝis tre klare al mi. Dummomente la tempdaŭro de tri jaroj fulmis antaŭ miaj okuloj filmsimile. Tiuj ĝojaj ridvoĉoj dolore tremetigis mian koron, kaj tiuj malgajaj ploroj preskaŭ disŝiris miajn pulmojn. Nepovante eldiri vortojn, mi nur sentis, ke miaj okuloj malsekiĝas kaj larmoj elfontas, malsekigante miajn harojn kaj orelojn. Senesprime kaj senmove, mi nur konsciis, ke miaj larmoj fluas senĉese.

Subite mi ekŝvebas kaj falas sur verdan herbejon. Eĉ lin mi vidas sunumanta ankoraŭ kun tiama rideto. Hezitante, ĉu mi donas saluton al li, mi vidas konatan figuron alproksimiĝi, kaj mi haste min kaŝas malantaŭ arbo. Ĉu tio ne estas mi mem? Jes, estas mi. Mi aŭdas lin kaj tiun min interparoli pri ĝojoj kaj malĝojoj dum ĉi tiuj tri jaroj. Li diras al tiu mi, “Mi faris tiel multe por vi, sed vi ne tiel zorgis pri mi kiel mi esperis. Mi volas vian rekompencon.” Poste li listigas, kvazaŭ elmontrus siajn valoraĵojn unu post alia, la aferojn faritajn de li al ŝi, kiujn li konsideras indajn je ŝia rekompenco. Li tamen papilie mencias la suferojn, kiujn li kaŭzas al ŝi. Li parolas pri ŝia ĉiufoja kolereksplodo kaj pri sia miskulpiĝo. Li tamen donas ektuŝon pri siaj nekonvinkeblaj revenĝoj. Post longa silentado, tiu mi trankvile diris, “Via amo sin montras tre egoisma. Ĉar vi konsideras, ke vi jam faris multe por nenio kaj ricevis multe da miskulpiĝoj, do metu finon al viaj suferoj.” Dirinte tiujn vortojn, tiu mi sinturne foriris…

En stuporo, mi nur volus foriri, timante, ke li trovas mian ĉeeston, sed mi ne povas movi miajn paŝojn. Kiam mi maltrankviliĝas, subita ekblovo levas min, kaj mi perdas mian konscion.

“Malfermu viajn okulojn, malfermu viajn okulojn…” aŭdiĝis softa voĉo ĉe mia orelo. Mi penis malfermi miajn okulojn kaj vidis, ke maljuna virino kun blankaj haroj kaj sana vizaĝo afable pririgardas min. Mi sentis iom da kapturniĝo.

“Kio okazas al mi?” mi rigardis al ŝi nekomprene.

“Parto de via memoro estas sukcese senigita,” ŝi diris.

Ho, mi subite revenis al mia konscio. Mi venis ĉi tien por operacio senigi mian memoron.

“Ĉu vi konas Fu Hong?” ŝi demandis.

“Kiel orelagaca nomo! Ĉu li estas verkisto?” mi diris, rigardante al ŝi, post kiam mi leviĝis el lito kaj surportis ŝuojn. Mi ŝajne aŭdis pri Fu Hong kiel verkisto.

Skuinte la kapon, ŝi enskribis ion en mia persona informo kaj diris, rigardante al mi, “Bone, ne penu pripensi ion aŭ alion plu, nek vi povas revivigi vian rememoron. Ek de nun, reiru al lernejo por daŭrigi vian lernadon. Kontaktu min, kiam vi havas problemojn.”

“Konsentite. Dankon.” Post tiu respondo,

mi malfermis la pordon kaj foriris.

Deposte, mi vivis simplan kaj ĝojan vivon. Kvankam kelkfoje mi sentis ion mankantan en la koro, tia sento tamen foriĝis dum kelkaj sekundoj kaj nenio grava min ĝenis. Iutage mi renkontis strangaĵon: iu viro, nekonata de mi, petis min eliri el la klasĉambro kaj alparolis ĉe la pordo de klasĉambro amason da vortoj nekompreneblaj al mi, la ĉefa enhavo de kiuj estis, ke mi estas lia amatino kaj li volas repaciĝi kun mi. Mi ne kontraŭdiris, ĉar mi konsideris, ke li prenis min kiel aliulon. Mi diris al li, "Vi certe eraras pri rekonado. Mi ne konas vin." Kaj post tio, mi reiris en la klasĉambron por daŭrigi la lecionon. Mi aŭdis lin malespere diri, "Vi vere estas ignorema pri mia amo al vi!"

Demandante de miaj kunlernantoj pri tio, kio okazis, mi respondis, "La viro eble malsukcesis en amafero, kaj li prenis min kiel sian amatinon. Terure. Nuntempe, okazas ĉiaj strangaĵoj."

La viro neniel volis forlasi kaj ni informis policistojn. Poste, miaj amikinoj rakontis al mi, ke tiu viro, nomata Fu Hong, estas blankakoluma laboristo, kiu laboras aliloke. Laŭ nia diveno, eble io okazas al lia menso. Vere kompatinda.



tradukis Vejdo

## El Libro de Poezio

## Ĉasisto

**kanto pri lerta ĉasisto.*

Abunde fragmitoj pavas.
Kvin aprojn vi sage trafas.
Ho, vi, kuraĝa ĉasisto!
Abunde erikoj flavas.
Kvin apridoj vi sagpafas.
Ho, vi, kuraĝa ĉasisto!



## Cipresa boato

*oficisto de regno, kiun malfavoras regnestro, kalumnita de aĉuloj, esprimas sian ĉagrenon kaj indignon.

Flosas cipresa boato
Sur rivero laŭ flutreno.
Mi ne endormas sur mato,
Ĉar doloras min ĉagreno,
Eĉ al mi ne mankas vino
Aŭ migrado kun virino.
Ne en mia koro restas
Ĉiuj, kiel sur speguloj.
Miaj fratoj manifestas
Apation en l' okuloj,
Kiam mi al ili plendas,
La kolero min atendas.
Mia koro ne similas
Al roko, puŝate rule,
Kaj mato, ĝin mi ekzilas
Kunvolvante for angule.
Mia digno ja honestas,
Ne toleras, ke malestas!
En la kor' ĉagreno brulas,
Al aĉuloj la kolero
Kaj indigno min torturas,
Multafoje en sufero.
Vekiĝinte, mi meditas,
Bruste la indign' ne glitas.
Mi demandas sunon, lunon,
Kiel vi kun lum' obskuras?
Trist' kunŝutas kore dunon,
Ŝajne vestoj jam malpuras.

Sed kontemplas mi senhalte,
Kiel flugas mi ekzalte.



# Verda vesto

_*edzo, vidante verdan veston postlasitan de la forpasinta edzino, sopiras al ŝi._

Verdan veston mi rigardas,
Kaj ankaŭ flavan ĉemizon.
Ho, ĉe mi tuj tristo ardas,
Neniel trovas remizon.
Verdan veston mi rigardas,
Kaj ankaŭ al flava jupo.
Ho, ĉe mi tuj tristo ardas,
Daŭras sopira inkubo.
Uzas vi verdajn fadenojn.
Dank' al vi, dum ofichoro
Mi evitis l' erartrenojn.
Karas l' edzin' en memoro.
Pri ŝtofaj vestoj mi miras,
Sur korpo restas komforto.
Al l' edzin' mi sopiras,
Kaj vi – sur mia kor-kordo!



# Hirundoj

_*juna princo de Wei-regno adiaŭas al la fratino, kiu edziniĝas foren._

Hirundoj pare sen timo
Flugilojn svingas ĉiele.
Edziniĝas la fratino,
Akompanas mi ĝiscele.
Ŝia ombro ne vidiĝas
La larmo pluve sufiĉas.
Hirundoj pare sen timo
Flugas alten, suben vigle.
Edziniĝas la fratino,
Akompanas ŝin mi migre.
Adiaŭ al ŝi mi ploras,
Pluve larmas kaj stuporas.
Hirundoj pare sen timo,
Flugante, karese trilas.
Edziniĝas la fratino,
Mi kun ŝi ĝis-sude iras.
Ŝia ombro foren fundas,
Miaj larmoj jam inundas.
Mia fratino fidela,
Tre ĝentila kaj diskreta,
Por l' edzo estu tenera,
Por aliaj etiketa.
"laŭ patra eduk' mi agas."
Ŝi al mi konsolon pagas.

Tradukis **Sceto**





Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

